XXXIV-a Jaro — N-ro 468 — 15/30 Septembro 1938



# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# La Londona Kongreso

## Kunveno de l'Amikoj : Parolado de Edmond Privat

*Edmond Privat, Demosteno de Esperanto kaj de l' interna ideo ree aŭdigas sian voĉon. Post kvarjara silento la kongresanoj ree povis aŭdi lian vokon al paca kunlaboro.*

*Signife ke lia parolado ne okazis en la kongreso mem, sed en tielnomata « faka » kunveno de l' Amikoj, pli bela nomo ol la siatempa moknomo « kvakeroj ». Jen estas esperantistoj laŭ la senco Zamenhofa !*

*Ne paroli sed agi, estas ilia neskribita devizo. Ĝi ne estas specife movado religia, sed movado realiganta ekster kaj ofte kontraŭ momenta fluo religia, la ordonon eternan « amu kaj helpu unu l' alian ».*

*Estas feliĉa koincido, ke super UEA, en Palaco Wilson troviĝas la kvakera hejmo. Ke el tiu ĉi najbareco idea kaj loka rezultu kunlaboro intima estas la tasko de l' esperantistaj kvakeroj. Ili aranĝis kunvenon je la 3-a de Aŭgusto ĉe kiu parolis D-ro Privat. Resumon de lia parolado ni represas tie-ĉi.*

La Redakcio.

---

Sub prezido de Sinjoro Montagu C. BUTLER, malfermiĝis tiu-ĉi kunveno, kiu komenciĝis per

### Enkonduka parolado

de Sinjoro Charles Roden BUXTON

Ĉi tiu kunveno estas kunvokita por la celo doni esprimon al la pensoj kaj sentoj de la kvakeroj, aŭ kiel ni mem diras « *Amikoj* », pri Esperanto. Se estas unu religia anaro kies ideoj harmonias komplete kun Esperanto-Movado, ĝi estas la Societo de Amikoj. Kaj ni ĝojas havi hodiaŭ, meze de ni kiel parolanton, unu el la plej bone konataj estroj de la movado kaj ankaŭ unu el la plej bonaj internaciistoj, *Edmond Privat*. Ni dankas lin korege pro lia boneco.

Antaŭ ol li parolos, mi detenas vin dum kelkaj minutoj por esprimi miajn proprajn sentojn. Mia taga laboro rilatas al politiko, al problemoj de tuja kaj praktika karaktero. Problemoj de imperieco kaj de eksteraj aferoj. Sed mia tuta laboro kondukas min al unu ĝenerala konkludo. La granda fakto de la nuna epoko estas tio, ke la tuta homaro estas kunligita, kiel neniam antaŭe. Ni estas kunligitaj de objektivaj faktoj, ekzemple ni ne povas entrepreni simplan ekonomian procedon kiel aĉeti biciklon, sen esti influataj de ekonomiaj statoj en Azio, en Afriko, en Usono, kiel ankaŭ de la politiko de multaj industriaj ŝtatoj. Ni estas ankaŭ kunligitaj de nia konscio — ekzemple en nia ĵurnalo ni volas ekvidi tion, kion la tuta mondo faris hieraŭ — ne nur tion, kion la propra nacio faris hodiaŭ. En ĉi tiu maniero ni sentas, ke la mondo estas unu. Tamen ĉi tiu sento estas malforta ; estas venkita kaj kvazaŭ dronigita de pli forta — tiu de nia nacio. La nacia konscio estas ankoraŭ multe tro forta. Nia granda tasko estas kulturi la mondkonscion, kaj antaŭenigi ĝin iamaniere, en nin mem kaj en aliajn. Fakte, efektive la mondo estas unu ; ni devas fari ĝin unu ankaŭ en sento kaj emocio. Ni devas rigardi ĉiujn problemojn de ekonomia evoluo kaj de la elmigrado kaj enmigrado de homoj, kiel tiu de la rifuĝintoj el Germanujo kaj Aŭstrio de la vidpunkto de l'interesoj de la mondo kiel unuo. Ni devas rigardi, precipe ĉiujn militojn kiel civilajn militojn. Nur sur la bazo de tia konscio estos atingata nia vera celo — ke la monda estu organizita kiel mond-ŝtato en kiu la nacioj estu membroj.

Ekvidu nun la historion. La unua granda politika kreaĵo de la okcidenta civilizo estis la ideo de tutmonda imperio. Estis kreata de la Romanoj kaj daŭrigata de la Sankta Roma Imperio. Estis subtenata de la universala uzo de la latina lingvo inter ĉiuj kleraj homoj. Tiam komencis sin levi en la dekkvina jarcento la ideo de la nacia ŝtato. Ĉi tio estis necesa evoluo ; io estis necesa kiel politika kristaliĝaĵo inter la individuo unuparte kaj la mondŝtato aliparte. Sed ĉi tiu ideo nun fariĝis tro despotema, estas simile al manĝeganta malsano, kiu pereigas la homaron.

Mi diras do denove por konkludi, ke vi devas kontraŭstariĝi al ĉi tiu malsano ; ni devas senti nin vere unuigitaj kun la tuta mondo kaj ne sole kun niaj samlandanoj ; ni devas esti lojalaj al la homaro. Kiel nun mi klopodas tre multe pri homo en Manchester kiel por homo de London. Sammaniere mi klopodus pri homo en Anglolando.

La plej granda malhelpo al la monda unueco estas la malsameco de la lingvoj. Ekzemple amiko mia en Ĉeĥoslovakio skribas meze de la lastatempa krizo, ke la neebleco de lingva interkompreniĝo estas la plej grava malbonaĵo superanta ĉiujn ceterajn. Jen ĉi tie precize troviĝas la granda servo, kiun la Esperanto-Movado povas entrepreni por la mondo. Esperanto, kiel diris fama franco, estas la latino de l' demokratio. Ĝi enhavas ĉion kion ni povas reteni el la latino.

Mi ne parolis pri la paco. La vera bezono de nia tempo estas pozitiva kunlaborado en la tasko de civilizacio kaj la monda lojaleco estas la neforlasebla bazo. Mi ripetos al vi frazon de la granda majstro de saĝeco *Spinoza*. — « Ĉar la paco ne estas la neado de la milito sed ĝi estas potenco kiu devenas el la forto de la spirito ».

Mi ne povas dediĉi multan tempon al Esperanto, sed mi prezentas mian koran bonvolon al ĉiuj, kiuj laboras pro la movado — kaj precipe al nia estro kaj amiko Edmond Privat.

### Parolado de Edmond Privat

Karaj geamikoj,

Multajn vidindaĵojn de Anglujo vi jam vizitis kaj ankoraŭ vizitos dum tiu ĉi semajno. Sed ne nur materiaj, ankaŭ spiritaj vidindaĵoj meritas atenton.

Hodiaŭ vi konatiĝas kun unu el la plej interesaj moralaj kuriozaĵoj de Britujo. Pasigi matenon en la societo kaj atmosfero de la britaj « Amikoj » aŭ « Kvakeroj », estas granda privilegio. Ĉar ili reprezentas plej noblan floron de la nacia animo kaj ludis en la historio de la anglo-saksa civilizo rolon multe pli gravan ol ilia nombro supozigus.

Oni ĉie scias pri la granda potenco de la angle parolantaj nacioj en la mondo, sed oni scias malpli pri tia grupo da honestaj homoj, ĉiam pretaj oferi sian vivon aŭ posedaĵon por aŭdigi la voĉon de konscienco kaj kontraŭstari ĉiujn maljustaĵojn de imperialismo aŭ riĉiĝo. Ilia granda kvalito kaj ŝato estas la silento. Ne tiom paroli, sed agi. Pruvi sian konvinkon, ne per dogmoj aŭ vortoj, sed per helpema vivo.

Estis kvakero William Penn, kiu fondis en Ameriko la ŝtaton de Pennsilvanio kaj rifuzis uzi armilojn kontraŭ la ruĝhaŭtuloj, irante al ili kiel vera amiko sen pafiloj, sed kun frata lojaleco, kiu gajnis iliajn fidon kaj pacemon.

Estis kvakeroj, kiuj protestis dum generacioj kontraŭ la sklaveco de nigruloj kaj pacience laboradis ĝis ili sukcesis malpermesigi tiun hontindaĵon per la leĝo de la brita Parlamento antaŭ unu centjaro. La familio de Sinjoro Buxton estas konata pro sia sindono al tiu afero.

Estis kvakeroj, kiuj zorgis dum la mondmilito pri la malfeliĉaj familioj de kontraŭaj landoj restintaj en Anglujo kaj, post la milito, organizis grandiozan helpon al malsatantaj infanoj en la venkitaj ŝtatoj. La militon ili abomenas kaj rifuzas partopreni. Multaj ne hezitis iri malliberejon por sia idealo.

Hodiaŭ ili vin invitis por diskuti la demandon : « Kiel Esperanto povas helpi la pacon nun ? » Malfacila demando, ne respondebla per unu simpla frazo.

Kompreneble Esperanto helpas daŭrigante sian ekziston kaj disvolviĝon, ĉar unua kondiĉo de la paco estas plia interkompreniĝo. Sed ofte regas iluzioj tiurilate.

La plej belaj progresoj, kiuj forigis interspacojn inter la nacioj, kiel ekzemple aerflugado, ne ĉiam helpis al paco per si mem. Ili foje helpis eĉ pli al milito kaj turmentado de senkulpaj infanoj kaj virinoj.

Teknikan progreson oni povas uzi bone aŭ malbone. Ĉio fine dependas de morala decido kaj volo. Esperanto por si mem ne sufiĉas. Ankaŭ ĝi povas esti uzata por nacia aŭ rasa propagando kaj incito ; ĝia utilo por la paco dependas de ĝia enhavo. Kion ni esprimas per ĝi, jen tio, kio gravas antaŭ ĉio.

D-ro Zamenhof ĝin donis al la mondo por disvastigi novan senton « *En la mondon venis nova sento* ». Tion ni kantas en ĉiu kongreso kaj kunveno. Sed kion ni efektive faras por helpi, ke tiu sento « *flugu* » *de loko al loko ?* » Jen la demando, kiun ni metu al ni mem.

Necesas iom pensi pri tio, de tempo al tempo. Hodiaŭ mi volus prezenti nur kelkajn modestajn pensojn por kuraĝigi vin tiurilate en tempo tiom senkuraĝiga pro la nigraj nuboj en la politika ĉielo.

Kion ni povas ja fari ? Unue resti fidelaj al la idealo de Zamenhof, kiu esprimis sufiĉe klare siajn ideojn kaj komprenis kun profeta klarvido la malfacilaĵojn inter popoloj.

En sia fama « *Letero al Diplomatoj* », antaŭ la fino de mondmilito, li donis ekzemple konsilon, kiu estus povinta eĉ eviti eŭropan militon en la nuna tempo, se ĝi estus sekvita. Li proponis, ke al novaj ŝtatoj kun diverslingvaj loĝantoj oni ne donu la nomon de unu gento, sed neŭtralan nomon, por ne humiligi la ceterajn, sed kontraŭe havigi al ĉiuj senton de egaleco, kaj faciligi pacan kunlaboron.

Ĉu la franclingvanoj de Belgujo aŭ Svislando troviĝus feliĉaj en regno, kiu nomiĝus Flandrujo (Vlaanderen), aŭ Alemanujo (Alemanien) ? Certe ne, ĉar ili sentus sin fremdaj en lando regata de alia gento super ili. En malnovaj tempoj la poloj kaj litovoj nomis sian unuigitan konfederacion « Respublica Serenissima » por ne ofendi unu aŭ alian.

Hodiaŭ oni sentas la pravecon de la Zamenhofa konsilo. Se venus nova milito, poste necesus fari novan pacon evitante la erarojn de la antaŭa. Kial ne fari ĝin antaŭe kaj sen la milito anstataŭ poste ?

Tiel estu ! Estas via unuanima deziro. Sed eĉ la homaro ne kapablas eviti novan teruran instruon per banego de sango, ĝi eĉ tiam bezonus homojn, kiuj preparus la pacon sur pli bonaj bazoj ol la antaŭa kaj memorigus pri la ĝustaj ideoj. Tie kuŝas por ni, esperantistoj, nobla rolo, kiel sekvintoj de tiu neforgesebla Zamenhof, kiun ni havis la riĉan privilegion koni ĉu persone, ĉu per liaj verkoj. Privilegio entenas devon.

Ankaŭ ni povus interesiĝi pli aktive al la klopodoj praktikaj por anstataŭi la uzon de perforto per uzo de homa helpo. Bonega broŝuro en Esperanto klarigas pri la nobla laboro de Pierre Ceresole kaj de lia brava bando da ĉiulandaj amikoj, ĉiam pretaj alkuri ien ajn, kie okazis katastrofo kaj senpage helpi la vilaĝanojn de fremda lando por rekonstrui domojn aŭ liberigi la kampojn de ŝtonoj kaj sablo post subakviĝo.

En Lichtenstein post elfluo de la Rejno, en suda Francujo, en Kimrujo, en Hindujo post tertremo oni ĝoje salutis tiun « *armeon de homoj sen malamo* », armitaj per fosilo kaj bonvolo en la nomo de interhoma frateco.

# La Londona Kongreso

*En pasinta numero de ESPERANTO ni resume raportis pri la Londona kongreso, laŭ la notoj de nia okaza kunlaboranto Ubikitulo. Pri la plezuraranĝoj devis raporti G. H. H. v. Z. Lia artikolo tamen pritraktas la tutan kongreson, sed laŭ vidpunkto iom malsama al la unua raporto. Ni decidis enpresi senŝanĝe, eĉ se ripetiĝas iuj detaloj :*

*La Redakcio.*

Rilate al la 31a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en la Angla ĉefurbo de la 30a de Julio ĝis la 6a de Aŭgusto, ni iomete devas ripeti kion ni skribis post la jubilea kongreso en Varsovio. La kongreso brile pasis kaj la partopreno estis tute bona, kvankam kompreneble la plimulto de la gekongresanoj estis Angloj. Ĉe tiuj Angloj la organizo estis en bonegaj manoj kaj certe la gevizitantoj el aliaj landoj revojaĝis hejmen, plenplene je agrablaj impresoj. La gegastigantoj faris ĉion eblan por agrabligi al la eksterlandanoj la restadon en Londono, ne nur pere de la kongresaj aranĝoj, sed ĉiu Anglo aŭ Anglino faris sian eblon, kiam kongresano iamaniere bezonis helpon.

**La morto de fraŭlino Saxl.**

Nigran ombron ĵetis sur la kongreson la subita morto de la ĉie estimata, ĉiam gaja kaj tre — eble tro fervora — Ĉeĥmetoda instruistino Margarete Saxl. Jam longe oni sciis, ke ŝia koro ne estis forta kaj sana, kaj ke pro tio ŝi devis esti tre singarda, sed tion ŝia entuziasmo por Esperanto ne permesis. Post kiam ŝi perdis sian oficon en la Germana ĉefurbo, ŝi tute dediĉis ŝin al la mem elektita tasko, instrui Esperanton. Kaj tion ŝi faris kun tiom granda sukceso, ke oni ofte denove invitis ŝin por pluraj kursoj. Plej ofte la landoj en la okcidento de Eŭropo formis ŝian laborterenon kaj daŭre ŝi vagadis tra Francujo, Nederlando, Danujo kaj Anglujo, instruante Esperanton kaj akirante geamikojn.

Precipe en la lastaj monatoj ŝi laboregis en Anglujo kaj forte partoprenis en la preparado de la kongreso.

De la Angla registaro oni jus akiris por fraŭlino Saxl laborpermeson por sufiĉe longa periodo.

En ĉi tiu raporto ni kelkajn fojojn havos okazon priparoli la gravan rolon kiu ŝi en la lastaj monatoj ludis. Certe ĉiu Esperantisto kun granda respekto memoros pri la mortintino.

**La kongresaj aranĝoj.**

Kiam ni nun, kelkajn semajnojn post la kongreso, trafoliumas la bele ornamitan kongreslibron, ni estas superŝutitaj de rememoroj kaj preskaŭ ne scias per kio komencigi la raportadon kaj komentadon. La kongresprogramo estis riĉa, preskaŭ tro riĉa. Tia programo certe estas utila, ĉar ju pli da manifestacioj des pli la enloĝantoj de la kongresurbo pririmarkas la utilon de Esperanto kaj la facilan interrilatadon de la multaj Esperantistoj el malsamaj landoj. Tiamaniere kompreneble ĉiu universala kongreso estas la plej bona propagando, sed precipe en urbego kiel Londono, la ĉefurbo de lando, en kiu oni ĝis antaŭ nelonge anis la ideon de la « belega izoleco », dum multaj Angloj opiniis aŭ ankoraŭ opinias, ke la Angla lingvo tute sufiĉas kaj ke oni ne bezonas mondlingvon. El Esperanto-vidpunkto la urbestro de la Londona distrikto St. Pancras, lia Moŝto J. Sperni, kiu jam vizitis la interkonatiĝan vesperon, faris multe aplaŭdatan paroladon en la malferma soleno partoprenis en la internacia balo kaj finfine venis, en la ferman kunsidon por adiaŭi la gekongresanojn. Kiam Angla altrangulo tiamaniere interesiĝas pri Esperanto, tio certe estas ĝojiga fakto.

Sed ni devojiĝas koncerne la temon de la kongresaj aranĝoj. Ili estis duoblaj. Apud la aranĝoj en la oficiala kongresprogramo, estis tiaj kiel aŭtoĉar-ekskursoj, kiuj rezultis el la kompreno, ke la eksterlandanoj certe dezirus esplori Londonon laŭ komforta maniero. Ĉiun tagon oni organizis ekskursojn al la « City », al la « West End » kaj al la « East End ». En ĉiu aŭtoĉaro kunveturis Angla samideano por traduki la klarigojn de la gvidanto. Iom pli multekostaj, sed ankaŭ pli allogaj, estis la rondveturadoj per taksio kun Esperanton parolanta ŝoforo. Tiucele ĉiam troviĝis kelkaj taksioj en la antaŭkorto de la kongresejo, University College en la Gorverstrato. La Esperanton parolantaj ŝoforoj laŭvice dejoris tie kaj ankaŭ cetere multe utilis al la gekongresanoj.

La dimanĉo estis dediĉita al la inaŭguro de la kongreso en Dominion Theatre, katolika kaj protestanta Diservoj kaj komuna tagmanĝo en la « Mountview Café » of Lyons' Oxford Corner House. Tiu tagmanĝo tuj sekvis la inaŭguron kaj jam estis karakterizita de la vera Esperantista spirito.

Lundo kaj mardo estis veraj labortagoj. Le programo por lundo menciis, krom la unuan laborkunsidon, la inaŭguron de la 15a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj, kelkajn lumbildprelegojn kaj nombron da fakaj kunvenoj. Similan programon oni ĝuis marde. Sed en la vespero de ambaŭ tagoj oni prezentis al parto de la kongresanoj la teatrajon « Eliza Restas », komedio en tri aktoj de H.H. Esmond, tradukita de G. Badash. Prizorgis la prezentadon, kiu okazis en la « Scala Theatre », membroj lernantoj de « The Neilson-Terry Guild of Dramatic Art », al kiuj instruis Esperanton fraŭlino Saxl. Tiu instruado estis unu el ŝiaj gravaj laboroj antaŭ la kongreso. La geaktoroj ekstudis Esperanton nur kvin monatojn antaŭe, kaj tiom granda estis la sukceso, ke fariĝis preskaŭ senmakula prezentado. Estis malfacilaĵo, ke la akustiko en la granda kaj tre alta salono ne estis tre bona. Tiuj el la ĉeestantoj, kiuj sidis en la malantaŭa kaj supra partoj de la salono, ne povis ĉion kompreni, sed ĉiuokaze oni perceptis la enhavon de la tre amuza ludaĵo kaj ŝatis longe aplaŭdataj ne nur la geaktoroj, kiuj havis vere malfacilan taskon. Je la fino estis laŭte kaj longe aplaŭdataj ne nur la gearktoroj, sed ankaŭ la parolanto, kiu dankis al fraŭlino Saxl pro ŝia bonega helpo.

La samajn vesperojn tiuj kiuj ne rajtis ĉeesti la prezentadon de la teatraĵo ĝuis belan programon en la granda salono de la kongresejo, kie oni montris kelkajn interesajn filmojn kaj inter tiuj filmoj la Esperantista iluziisto Vilĉjo Verda montris siajn kapablecojn, dum sinjoro Johano Geryk el Ĉeĥoslovakujo bonege ludis la violonon.

Agrabla tago ĉiam estas tiu de la kongresa ekskurso. En la lastaj tri jaroj via raportisto ne partoprenis kongreson, sed ni memoras pri belaj ekskursoj al Fontainebleau, Sepmontaro kaj Uppsala dum la kongresoj en Parizo, Kolonjo kaj Stokholmo. La celo de la ekskursoj ĉiam estas montri al la eksterlandanoj iun lokon aŭ regionon, kiu el turista vidpunkto estas interesa ; sed, ĉar en la tuja aŭ malpli tuja proksimeco de Londono estas multaj tiaj lokoj, la Angloj organizis ne malpli ol kvar ekskursojn. Ili estis de diversa longeco kaj oni povis partopreni laŭplaĉe.

La plej longa ekskurso, al Stratford-on-Avon (la Shakespearelando), Warwick kaj Oxford, daŭris de la oka matene ĝis la deka vespere; la dua, al la banlokoj Hastings kaj Eastbourne, de la oka kaj duono matene ĝis la sepa vespere; la du aliaj estis malpli grandaj kaj okazis en la posttagmezo. Unu el ili havis la celon Windsor kaj Hampton Court, la alia la Zoologian Parkon en Whipsnade.

Ni partoprenis la duan ekskurson, al Hastings kaj Eastbourne. Estis belega veturado, inter alie tra la graflando Kent, kaj same kiel la tuta kongreso, ankaŭ ĉi tiu ekskurso estis bone organizita ; laŭhore ĉio marŝis kiel antaŭe fiksite. Sed tamen ni ne estis tute kontentaj. En la urbeto Battle apud Hastings estas malnovega kastelo. Oni nenion rakontis pri la kastelo, la ekskursanoj ne estis gvidataj, ni nur ricevis la komunikon : « Ĉi tie ni restos dudek minutojn ». Tute same okazis en Hastings. Sur la marbulvardo la aŭtoĉaroj haltis antaŭ la restoracio, en kiu oni ricevis bonan tagmanĝon, sed cetere la ordono estis : « Je la dua ni kolektiĝas sur la sama loko ». Plej malbone tamen estis en Eastbourne, ĉar tie la aŭtoĉaroj dum duona minuto haltis sur la belega bulvardo kaj poste pluenveturis al iu mizera placo, kie ni ricevis la komunikon : « Ĉi tie ni restas dudekkvin minutojn ». Tamen, malgraŭ tiu malagrablaĵo estis entute bona tago, ĉar ankaŭ la revenaturado al Londono laŭ alia vojo — ni inter alie, vidis la Anglan Flughavenon Croydon — estis ĉarma.

Tiun saman tagon okazis amikeca vespero de laborist-tendencaj vizitantoj de la kongreso.

Same grava kiel la ekskurso ankaŭ estas ĉiam la kongresa balo. Ĝi okazis en la Norda parto de la urbego, en la Tudor Ballroom » de la Alexandra Palaco en Wood Green. Fakte la kongresanoj, kiuj jam dum kelkaj tagoj estis esplorintaj Londonon ĉiamaniere, nur dum la vojaĝo al Wood Green ricevis bonan impreson de la vasteco de la Angla ĉefurbo. Dum preskaŭ duonhora veturado per vagonaro oni restis inter la domoj. Kaj la vagonaro ne veturis malrapide, Pasis la balo en la bela kaj granda salono tute same kiel ĉiuj kongresaj baloj. Multnombre estis la homoj en naciaj kostumoj kaj treege interesa kaj vidinda estis ilia marŝparado. Inter la dancoj oni povis trinki aŭ manĝi ion en la balsalono aŭ fari viziton al la riĉe provizitaj bufedoj en apuda salono. Vizitis la balon, kiu daŭris ĝis la dua nokte, la urbestroj de St. Pancras kaj Wood Green, kiuj ambaŭ faris belan paroladon kaj amikece sin miksis kun siaj edzinoj inter la gedancantoj. Estis agrabla vespero, kiu tro rapide forflugis.

Same bela estis la lasta kongres-vespero, vendrede, en Central Hall, Westminster. Ion tian ni neniam antaŭe aŭdis kaj vidis dum Esperanto-kongreso. Estis vespero, speciale pretigita por la kongresoj kaj prezentita de infanoj el la « National Children's Home and Orphanage » (Nacia Hejmaro kaj Orfejo por Infanoj).

Por informi la gekongresanojn oni skribis sur la dorsflanko de la programo : « La gejunuloj, kiuj amuzas vin ĉi tiun vesperon, reprezentas grandan familion de knabinoj kaj knaboj — entute preskaŭ 4000 — kiuj konstante estas sub la zorgo de la Hejmaro. Fondite en 1869 de noblanima kristana filantropo, D-ro T. Bowman Stephenson, la Instituto iom post iom kreskadis, dank' al la bonkora subteno de multaj amikoj, riĉaj kaj malriĉaj. Ĝis la 30a de Junio nunjare la nombro da infanoj prizorgitaj depost la fondo estis 26.155. Oni akceptas ilin en la Hejmaron kiam ili vivas en stato de senhejmeco, malsano, senamikeco aŭ danĝero, kaj neniu infano en urĝa sufero estas iam rifuzata. Ili loĝas en familiaj rondetoj, sub la zorgado de bonkoraj virinoj, kiuj dediĉas sian vivon al ĉi tiu laboro. Specialaj hejmoj ekzistas por kriplaj, delikataj kaj ftizaj infanoj kaj ankaŭ por beboj. La ĉiujara kosto de la laboro estas L. St. 220.000, el kiuj 80 % estas libervolaj donacoj ».

Dum tiu « Varia Vespero » oni povis konstati la bonajn rezultojn de la supre pentrita edukado. Ne nur estis legeblaj de la junaj freŝaj vizaĝoj la feliĉo kaj vivĝojo, sed tio kion ili aŭdigis kaj montris sur la scenejo estis pruvo de bonegaj instruado kaj ekzercado.

Plej fortimpresiga estis la muzikado de la granda knaba muzikistaro de la filio Farnborough. La maniero laŭ kiu tiuj knaboj aŭdigis sin je la vesperfino estis vere mirinda. Preskaŭ neeble estas detale pritrakti la tutan programon. Ĝi enhavis muzikadon, diversajn scenojn, atletadon, kantadon kaj ŝnursaltadon. Apartan mencion tamen meritas la emociige bela solkantado de 13-jara knabino, Molly Proffit de la Orfejo « Princess Alice ». Ŝi kantis Esperante kaj fraŭlino Waite el Birmingham, kiu funkciis kiel anoncantino ĉe la finspektaklo « Esperanto », same parolis Esperante. Estis fraŭlino Saxl kiu instruis al ili Esperanton ankaŭ ĉi tiun vesperon, kiu okazis post ŝia morto, tiu instruado estis menciita. S-ro Gething, ano de la kongresa komitato, dankis ŝin kaj faris mallongan paroladon en kiu li pentris la vivadon de la infanoj en la Hejmaro.

La ferman kunsidon de la kongreso ni ne povis ĉeesti. Je tiu tempo ni grimpis el la taksio ĉe « Liverpoolstreet-stacion » kaj kiam sonis en niaj oreloj la laŭta voĉo de kofroportisto « Flushing-train, Sir ? (Vagonaro por la boato al Vlissingeno, Sinjoro ?), tiam ni tute klare konsciis : Nun la festo estas finita.

G. H. H. v. Z.

---

## (Daŭrigo de parolado Privat)

Esperanton ili multe bezonas kaj eklernas foje, sed se aliĝus multaj junaj esperantistoj al iliaj entreprenoj dum du aŭ tri semajnoj en somero, ili helpus samtempe la du aferojn kaj spertus grandan animan riĉiĝon.

Anglaj samideanoj foje miris kial mi veturis siatempe Hindujon kaj tiom admiras Gandhi. Volonte mi malfermas parentezon por tion klarigi : mi volis vidi surloke la unuan grandskalan provon de nacia ribelo sen armiloj, sen malamo, sen milito, kaj mi ne bedaŭras la viziton. Kontraŭe ĝi donis al mi novan fidon je la homaro.

Hodiaŭ la angloj komprenis, ke Gandhi ne estas malamiko, sed amiko, kaj la guberniestroj kaj la Vic-Reĝo nun kunlaboras kun li kaj liaj amikoj. En la plimultaj provincoj tiuj homoj nun estas ĉefministroj, anstataŭ malliberuloj kaj la Brita Parlamento cedis al la hinda popolo la rajton elekti ilin en provincaj voĉdonoj. Restas ankoraŭ la probleme pri la centra registaro. Ni esperu ke ankaŭ por tio la batalo estos paca kaj senarmila, kiel granda ekzemplo kaj esperilo al la tuta mondo.

Multajn militojn mi vidis, ribelojn por atingi nacian liberiĝon aŭ korekti maljustan landlimon, sed la unuan fojon granda popolo sciis ribeli sen pafiloj, kaj alia granda popolo sciis cedi sen maŝinpafiloj aŭ ekzekutoj. Tiu sinteno honoras ambaŭ. Ili daŭrigu sur tiu vojo.

Estas la plej bela gloro de Britujo kompreni, ke plivaloras lojala amiko ol mallojala subulo. Egipto, Irako fariĝis amikoj, ĉar liberaj. Ankaŭ Aŭstralio, Sudafriko, Novzelando, Kanado, kaj Irlando fariĝis memregaj ŝtatoj kun saĝa konsento de Britujo. La instruo de Usono neniam estas forgesita. Tia saĝo estas pli admirinda ol ĉiuj militaj venkoj aŭ akiroj. Pri ĉio, kio komprenigas, unuigas kaj esperigas, ni uzu Esperanton utile kaj inteligente laŭ la celo mem de Zamenhof. Dum la plej teruraj tempoj la homaro bezonas malgrandajn arojn da fideluloj, kiuj konservas la veron al kiu ĝi devos reveni por vivi.

Ne forgesu tion, kaj vian respondecon. En pli ol unu lando malfeliĉaj homoj suferas pro spirita sufoko. Via fideleco al idealoj en libera atmosfero similas al la aero, kiun sendas tuboj al la kompatinda submara laboristo, enfermita en sia metala kaj kaŭĉuka kaĝo kun ronda kapego.

Li baraktas en la profundaĵo kaj vidas strangajn fiŝojn kaj monstrojn preternaĝi ĉirkaŭe. Li spiras kaj esperas nur per via aero. Se vi, sub libera ĉielo, ne restas fidelaj al via kaj lia idealo, vi tranĉas la tubon kaj forlasas lin al la submaraj monstroj. Pensu pri tio !

Multaj homoj kaj popoloj vagas en malluma nokto. Kiuj posedas valoran lumon ĝin fidele konservu, kiel la rifuĝa dometo briligas sian fenestron en arbaro timiga. Ĝi signifas la varmon por la serĉantoj kaj la veron por la venonta generacio, kiu nepre bezonas lumon kaj harmonion. Vivu la idealo Zamenhofa !

# Kien ni iras ?

## Decida Jaro — La fundo de l'mizero — La ringo fermiĝas

### Decida jaro

Kun sento de indigno kaj honto la mondo sekvis la evoluon de l' konflikto ĉirkaŭ la Ĉeĥoslovaka Ŝtato. Por haltigi la militon, la grandaj potencoj oferas ŝtaton ligitan al ili per komunaj idealoj, kaj per solene subskribitaj sindevigoj. La frazo pri la « *paper-ĉifono* » de 1914 ricevas konfirmon vere ne-atenditan ! Triumfis la politika maksimo de la « *Wait and see* » sur la dorso de l' viktimo.

Ni vivas en decida jaro. La eraroj de 1918-1919 sin venĝas. Povas esti, ke la kolektiva konsciencriproĉo paralizas la grandpotencojn. Agi tiel, kiel postulus propraj intereso kaj honorsento. Ni lernas el ĉio tio, ke kontraktoj kaj plej solenaj sindevigoj senvaloriĝas kiam ili postulas oferon.

La giganta plano pangermanisma evoluiĝas kun matematika precizeco. Cetera Eŭropo similas al kuniklo, hipnotizita de la minacanta serpento. Nenio plu baros la vojon al la efektivigo de la germana hegemonio sur la kontinenton. Kaj timeme oni sin demandas nur: « Kiu sekvos nun en la vico de l' ŝtatoj forblovataj ? »

Heute gehört uns Deutschland
Und morgen die ganze Welt !

Nia estas hodiaŭ Germanujo
Kaj morgaŭ la tuta mondo !

Tiel sonis rekantajo, kantita kun videblaj konvinko kaj kredo dum la kongreso naci-socialista en Nürnberg 1938.

Kio pleje ŝokis en la malfeliĉa afero estas la *formoj*. Jen la amikoj de l' atakito premas lin akcepti ĉion, kion ili decidis, ne aŭdante lin ! Kaj la atakinto ĉiel provis prezenti popolon kelkmilionan kiel kanajlaron kondamnindan ! Ne ! Neniam la cetera mondo ŝanĝos sian opinion pri popolo premegata.

La insultoj havis ĝuste la kontraŭan efikon. Kiu kriaĉas, malpravas.

Al la bravaj ĉeĥoslovakoj, forlasitaj de l' amikoj, premegataj de kolosa pliforto, sin turnas la kora simpatio de l' homoj liberaj en tuta mondo.

Kaj vi, Esperantistoj en la Ĉeĥoslovaka respubliko, sciu, ke viaj samideanoj en multaj landoj funebras kun vi dum ĉi-tiuj pezaj tagoj.

Kaj vi, samideanoj en lokoj de kie la doktrino kaj leĝaro de l' novaj regantoj vin forpelas en necertan estonton kaj mizeron, havu kuraĝon ! Se kontraktoj estas malrespektataj, se ĉiuj urĝas ne manki l' okazon profiti el la situacio, ekzistas tamen ankoraŭ *homoj* en la mondo sentantaj la doloron de l'suferantoj.

### La fundo de l'mizero

Febre oni serĉas klarigon pri la okazintajoj. Unuflanke oni alvokas la rajton de ĉiu popolo, destini mem pri sia sorto. Aliflanke ekzistas historiaj kaj geografiaj donitajoj kun argumenta forto nepre samranga. La trancado nun okazanta de la geografia mapo neniel forigas fuŝojn faritajn en 1919.

El la ĥaoso de interplektiĝantaj veroj kaj asertoj, la observema spirito konkludas : La principo de « *unu gento, unu lingvo, unu regno* » ne estas aplikebla je absoluta precizeco. Ĉiu provo tiaspeca, formi regnojn unuformajn, estas kaj restas provizora. La fantomoj vokitaj de l' superbordiĝanta naciismo detruos kun logika certeco ĉian tian faron, ĉar ĝi ĉiam lasas nekontentulojn defendontajn la saman principon. La sola rimedo solvi tiun ĉi eternan konflikton gentan kaj lingvan estas la konfederiĝo de malgrandaj kaj mezgrandaj popoloj, konsciaj pri sia nacieco, en centra, orienta kaj suda Eŭropo, laŭ geografiaj donitajoj, imitante plejeble la svisan sistemon. Hodiaŭ tio ŝajnas pia deziro de revemulo; sed la revaĵoj de hodiaŭ estas la realaĵoj de postmorgaŭ.

En tiu ĉi konflikto oni malatentas aŭ prisilentas tre gravan fakton : la sudetgermana regiono neniam estis parto de l'Imperio germana, sed parto de la reĝlando bohema, limita nature kaj sankciita per la historio. Kaj dua fakto estas, ke la landon okupis slavaj triboj, ĉefe ĉeĥoj, longe *antaŭ* invadintaj germanoj. Pruvo estas la loknomoj, je grava plimulto de slav ĉeĥa deveno, parte tradukitaj parte konformigitaj al germana prononco. Citinda estas ankaŭ la fakto de la perforta germanigo de la slavaj (ĉeĥaj) indiĝenoj en pasintaj tempoj. Do tiom senbaza la tezo ĉeĥoslovaka ne estas. Ĝi ĉiukaze meritas atenton.

## Proklamo ĉeĥoslovaka :

La animstaton de la ĉeĥoslovaka popolo bone pentras la proklamo de la ĉsl. registaro adresita al la popolo :

« Nian nacion trafis dum la iro de l'historio multaj katastrofoj. Pasis super nia lando multnombraj venregoj, dezertigintaj la teron kaj detruintaj centmilojn da hom-vivoj. Ofte ŝajnis, ke nia popolo devus esti elradikigita kaj detruita. Nia historio estas skribita per sango kaj larmoj. Kaj spite ĉio, la popolo ĉiam releviĝis, kaj tempojn de humiligo sekvis tempoj de l'disvolviĝo. Nia popolo trapasis plej pezajn tempojn de sklaveco, kiam ŝajnis, ke neniam ĝi releviĝos.

Tia katastrofo minacas ŝtaton kaj nacion denove. Vi aŭdis la oficialan informon pri la interveno de l'okcidentaj potencoj ĉe nia registaro. Vi aŭdis, ke en maniero senekzempla de l'historio, aliancanoj kaj amikoj diktis al ni oferojn, kiujn oni metas sur venkito. Sed ni ne estas venkitaj, kaj se nia registaro decidis akcepti tiajn kruelajn kondiĉojn, estas pro tio, ke ĝi volis eviti al la tuta popolo senutilan sango-verŝadon. Ne estas senkuraĝiĝo, kiuj devigis niajn gvidantojn je ilia decido, je decido trafanta nian koron. Plej kuraĝa viro povas troviĝi en situacio, en kiu li devas retiriĝi antaŭ la premo de rokego. Dio scias, ke necesas ofte pli da kuraĝo por la vivo ol por la sinmortigo. Dio scias, ke ne ekzistas sur la mondo honorinda homo, kiu povus aserti, ke ni estis malkuraĝemaj kaj timemaj, kiam ni hodiaŭ rajtigis nian ministron por eksteraj aferoj, ke li informu Francujon kaj Britujon, pri nia decido, nin oferi por la bono de l'paco en la mondo, tiel kiel oferis sin antaŭ jarcentoj la granda sanktulo ĉe la kruco por la bono de l'homaro.

Ni ne faras riproĉon al tiuj kiuj lasis nin solaj. La historio faros sian juĝon pri ĉi-tiuj tagoj. Nia devo estas, rigardi en estontecon, gardostari, kaj protekti la nacion, kiu vivis kaj vivos. Ni estos inter ni. Ni estos fortaj, kaj de vi dependos, ke ni reatingos prosperon. Ni ne pereos kaj ni konservos nian landon. Ni marŝu kun levita kapo al la estonto.

### La ringo fermiĝas

Tiel titoliĝis artikolo en nia gazeto post la pereo de Aŭstrio. La dinamiko de l' Tria Regno lokigis la demokratajn regnojn en pozicion de terurigita rigardanto. Paralele kun la forblovo de l' popolregado iras la malaperigo de ideoj kaj movadoj « suspektaj ». Inter ili la movado pri internacia lingvo.

Nuligata en Germanujo kaj Aŭstrio, reduktita al nenio en Italujo, stagnanta en tutecaj ŝtatoj, nia movado vivetas ankoraŭ en la ceteraj landoj. La politikaj okazaĵoj influas ĉion. La homoj ne plu povas entuziasmiĝi por ideoj, laŭŝajne malkonfirmata de l' faktoj.

Kaj la skismo en la internacia organizo seniluziigas multajn, kiuj forlasas movadon kaj ideon.

Estas timinde, ke la situacio pliakriĝos ankoraŭ. Certe estas, ke Ĉeĥoslovakio ne plu ludos la gravan rolon en nia movado, kian ĝi okupis. Morala kaj materia perdo nun ankoraŭ ne supervideblaj evidentiĝos baldaŭ. Trudiĝas tial tuja solvo de l' nuna stato nekontentiga.

« Heroldo de Esperanto », (17 Julio 1938) tuŝis la aferon ; kvankam sur bazo entute malreala ! Valorus scii, ĉu la dirita artikolo estas aprobita de l'estraro de IEL. Ni ripetas : UEA estas preta konsideri praktikan aranĝon por eviti elspezojn senutilajn. Tia aranĝo povas etendiĝi pri Jarlibro, gazeto, kongreso, k.t.p.

Ne estas oportune nuntempe paroli, propagandi kaj penadi pri Esperanto en lernejoj. Neniu konas la morgaŭon. Urĝas ke la esperantistoj agantaj *konsciiĝu* pri la graveco de l' horo, *kuniĝu* laŭ racia maniero kaj konduku la ŝipon ESPERANTO tra la ondegoj de konfuza estonteco en la havenon de pli bona estonteco.

20. Sept. 1938. H. J.

# Bazaj principoj pri patriarka kolonio

Multaj koloniaj entreprenoj fiaskis pro manko de idealismo (1), de kompetenteco pri administrado, pro serĉado de personaj profitoj, malbona elekto de lokigo kaj tro da diferenco pri etiko kaj moroj. Tiujn ĉi diferencojn oni nur ebenigas, postulante iun instruan kaj edukan nivelon al la aliĝontoj.

La lokigo dependas de la idealismo; sed celante malpliigi la laboron kiel eble pleje, ĉar ĝi ne estas celo per si mem sed nur rigora vivrimedo, oni solvas bone la demandon per la koopero kaj la reiro al la tero en regiono kies naturo estas riĉa, kies dolĉa temperaturo evitas la hejtadon, tio estas en la tropika zono, sed, pro saneco, je 500-metra ĝis 1500-metra alteco, ankaŭ je kelkaj centoj da kilometroj de densaj popolcentroj por la pacon ĝui. Jen aliaj principoj :

**I. Laboro.** — Ĝi estas devigata de ĉiuj po 6 tagoj de 6 horoj ĉiusemajne (6 × 6). La laborantoj estas apartigataj inter 7 klasoj laŭ ilia fortikeco; la virinoj aperas en la kvara; kaj inter tri ordoj laŭ kapableco (majstro, spertulo, lernanto). La valoro de la socia dejoro estas tiel minimuma, ke ĝi sufiĉas al rigoraj nutrado kaj vestado. La societo zorgas pri la familiaj loĝejoj.

**II. Kapitalo.** — Ĝi estas kalkulata laŭ buĝeto po tiomaj personoj, kiuj prezentas demografian normon, kaj minimume po 15 personoj. La kapital-partoj aŭ kotizoj estas ju malpli grandaj, des pli fortikaj estas la aliĝontoj. Post kiam la socia dejoro estas pagata, la kapitalo sufiĉas devige por atingi 5 ĝis 7 procentojn necesajn al la plia kunfortigo. La kapital-partoj estas amortizataj malrapide.

**III. Profitoj.** — Unu parto de la profitoj estigas dividendon de la kapital-partoj laŭ nominala valoro. Dua parto pagas la eblan plian dejoron de la unuaj pioniroj de la entrepreno. Tria parto estas disdonata proporcie de la aĉetoj al societo. Kvara parto estas transmetata al la kapital-rezervo, kiu traktas interalie la asekuron. La lasta parto estas transmetata al Speciala Rezervo por la plivastigo de la agado.

**IV. Regado.** — Malmultege da regantoj, sed agemaj kaj respondaj. La tri povoj (leĝa aŭ statuta, jura kaj estra) estas absolute apartigataj. Nur super ili, kiel ligilo, estas la prezidanto, neŭtra personeco de la societo, kiu voĉdonas nur je gravaj okazoj. La baloto estas sekreta aŭ publika; tiuokaze kontrakto estiĝas inter balotato kaj balotanto. La kandidatado ne ekzistas. La voĉdonoj stariĝas per severa plejmulto, kaj ĉiam konfirmata.

Ĉio valoriĝas nur per la valoro de la individuoj.

René Etienne Deckers
Catalão (Goyaz, Brazilo).

### Redakcia Informo lastmomenta

Pro diversaj cirkonstancoj la daŭrigo de l'artikolo « Instalajoj » *aperos* en la sekvonta numero de ESERANTO

## Al paca kunvivado de la popoloj.

Ni ricevis la jenan leteron :

Tre estimata samideano Redaktoro, kun bedaŭro mi rimarkis en N° 462 de via gazeto, ke en la materialo pri Litovujo troviĝas ankaŭ atakoj kontraŭ Polujo.

Tiu evitinda fakto elvokas proteston inter la pollanda samideanaro, prave opinianta, ke disvastigo de informoj pri la historio kaj kulturo de unu lando ne devas esti kunigita kun atakoj kontraŭ aliaj landoj.

Konsiderante, ke la celo de « Esperanto » estas konigi al la internacia legantaro ĉion, kio **kunigas** la popolojn, kaj ke « Esperanto » neniel devas kunhelpi je la pligrandigo de la abismo inter la popoloj, fervore elfosata de la kontraŭuloj de homara progreso, mi esprimas la konvinkon, ke la diritaj alineoj kontraŭ Polujo aperis en « Esperanto » nur, ĉar ili ne estis rimarkitaj de la redakcio.

Mi estus feliĉa, se vi bonvolus per publika deklaro konfirmi mian ĉi-supran supozon, kaj salutas vin

Samideane via J. Ŝapiro
Ĉefdelegito de UEA por Polujo

Al la supra plendo kiel ankaŭ al simila en la gazeto POLA ESPERANTISTO, lasta numero, ni respondos en principa artikolo en unu el la venontaj numeroj. Ni plene komprenas la ĉagrenon de niaj pollandaj samideanoj, des pli ke intertempe Polujo kaj Litovujo reprenis amikajn najbarrilatojn, kaj ke Polujo, la patrujo de Esperanto kaj de la Majstro, ĉiam ĝuis kaj ĝuas la simpation de la tutmonda samideanaro.

La Redakcio.

### Budhana monaĥo esperantisto...

La 27-an de Julio okazis ordeniĝo de nia samideano Martin Novogad el Vizovice en Moravio al hinda budhana monaĥo en « Island Hermitage » en Dodanduwa, (Cejlono) Lian ordeniĝon ĉeestis budhanaj pastroj : 1 el Ĉeĥoslovakujo, 3 el Germanujo, 2 el Hindujo (Bengalujo), 1 el Burmo kaj 2 el Cejlono. Lia nuna nomo estas : Respektinda Nyanasatta. Multaj samideanoj rememoros ankoraŭ liajn prelegojn okazintajn en Januaro kaj Februaro t.j. en Praha kaj Brno pri Budhismo en Eŭropo kaj pri Budhismo kiel filozofio. Poste li elmigris al Cejlono kie li studis komence en Colombo kaj poste en Dodanduwa budhanan filozofion sub Rev.Nyanatiloka, la estro de la monaĥejo. Ni bondeziras la respektindan samideanon Nyanasatta.

# Esperantista Interhelpo
## —— Servo de UEA ——

### Nuna Stato

Ĉiutage alvenas novaj petoj, ja eĉ petegoj helpi. Dolorigas respondi negative, esperigi, paciencigi. Dume ni ricevis ankaŭ belegajn pruvojn de samideana kompreno kaj de homarana sento. Dank'al bonvola interveno de servopreta samideano, la petinto n° 1, trovis rifuĝon en transmara lando. Per korespondo, la Helpservo povis direktigi dume aliajn petojn plenumeblajn sen speciala anonco. Pri la nove alvenintaj petoj ni petas ĉiujn afable ekzameni ĉu ne estus ebleco de rekta helpo aŭ konsilo.

*Peto 1*

Arangita. Petinto povos enmigri transmaran landon.

*Peto 2*

Hungara ŝtatanino kun knabo, parolanta krom E-on la germanan, sperta mastrumantino serĉas rifuĝon en lando ne rifuzanta viktimojn de nuna maltoleremo. Juna, sana, laborema kaj modesta. Posedas regulajn dokumentojn de origino, pasporton k. t. p. Politike ne-ŝarĝita kaj ne-suspektita.

*Peto 3*

Aranĝita. Povas veturi al transmara lando.

*Peto 4*

Vienanino, 33 jaraĝa, tajlorino tre sperta, laborinta por unuarangaj modmagazenoj en Vieno, kun bonegaj atestoj perdis oficon pro rasa kaŭzo. Serĉas rifuĝon en alia lando scias krom sian metion la mastrumadon, escepte pezajn laborojn. Ŝatas infanojn. Parolas flue Esperanto-n kaj scias iom la francan. Posedas regulajn paperojn kaj ricevas pasporton.

*Peto 5*

Ŝtatano germana, de juda deveno kun edzino ne-juda, serĉas rifuĝon kaj laboron en transmara lando. Preferas landon, kie li povas ankaŭ labori por la movado. Komercisto, 40 jara, tre bona propagandisto, vendisto, dum multaj jaroj reprezentanto de grandaj firmoj (branĉo por malmultekoŝtaj ornamajoj), fakulo ankaŭ en malgrandledaj varoj. Disponas pri bonegaj atestoj estas sana kaj energia. Akceptas kion ajn, povas veturigi aŭtomobilon. La edzino scias krom la germana kaj Esperanto, ankaŭ perfekte la anglan.

*Peto 6*

Ŝtatano germana en Vieno, 53a jaraĝa kun edzino kaj 14 jara filino, devas trovi situacion en transmara lando. Serĉanto, malnova esperantisto, distingita per arĝenta medalo de veterano, estas eksperto pri librotenado, ĵure aprobita, parolas germanan kaj hungaran lingvojn, scias sufiĉe la anglan, francan, italan, estas preta akcepti kian ajn laboron. Politike sen riproĉo, disponas je regulaj paperoj.

*Peto 7*

Ŝtata oficisto (doktoro de juro), aŭstriano, 30 jara, edziĝinta, kristana konfesio, perdis la postenon, ĉar la patro estis judo. Serĉas iun ajn okupon. Posedas krom germana kaj Esperanto, la anglan, francan, ĉeĥan lingvojn. Ricevis brilan ateston pri sia ĝisnuna laboro. Politike nesuspektita.

*Peto 8*

Viena samideano devigata elmigri transmare serĉas oficon. Bankoficisto, 46 jaraĝa, plensana, fraŭlo, bonkaraktera. Sperta kaj diligenta laboranto en diversaj fakoj sen kaj kun klienta trafiko. Dum 28 jaroj oficisto en la plej granda aŭstria banko Oesterr. Creditanstalt — Wiener Bankverein. Bonega atesto. Posedas konojn pri laborado en kemia laboratorio. Akceptas kian ajn okupon. Scias anglan lingvon.

*Peto 9*

Juna ge-edza paro de Vieno petas enirpermeson kaj laboreblecon en kiu ajn lando. Edzo perfekta kuiras, gvidas aŭtomobilon kaj faras ĉiujn domlaborojn. Edzino estas virin-ĉapelistino kaj perfekta en ĉiuj mastrum-laboroj. Helpu. helpu. Skribu al S-ro Meyer, Porzellangasse 60-III, Wien IX.

*Peto 10*

Juna sana germana ŝtatano, ĝardenisto laborkapabla serĉas eblecon enmigri eŭropan aŭ transmaran landon. Devas forlasi Germanujon pro mal-arieco. Detalojn per la Esperantista Interhelpo.

**Atentu Atentu**

La Bibliografia Servo de U E A
Palais Wilson, Genève
deziras akiri ekzempleron de la kajero 15, Julio 1910. C O.169

**Pri la transskribo de PROPRAJ Nomoj,**

eldonaĵo de la estinta Centra Oficejo Esperantista, Parizo... (raportoj de la Lingva Komitato).

Personoj kiuj povus cedi tiun ĉi kajeron al UEA afable informu kun indiko de prezo aŭ deziro.

**Atentu Atentu**

## Nordland - vojaĝo

Ivan Krestanov

Forlasinte Islandon la 15-an de Julio, depost fino Julio ĝis 21 Septembro, Ivan H. Krestanov vizitis Skotlandon, Nederlandon, Belgujon, Nord-Francujon kaj Luksemburgon. En pluraj urboj kiel Aberdeen, Rotterdam, Antwerpen, Bruselo, Denderleeuw, Alost-Aalst, Gand, Bruges, Ostende, Diksmuide, Grammont, Zarladinge, Turnhout, Ronse, Kortrijk, Waregem, Arlon, Lessines, Malo, Dunkerque, Luksemburgo (kie interalie li partoprenis la jubilean kongreson de Asocio Internacia Turisma, 20-24 VIII 38), Vianden, Echternach, Clervaux, Mondorf-les-Bains k. a. li propagandis, estis intervjuata aŭ paroladis pri Bulgarujo kaj Islando, kaj la lokaj gazetoj favore raportis. Li enŝipiĝis en Antverpeno la 25 Septembro kaj tra Gilbraltaro revenos en Bulgarujon.

## Dankesprimon

plej koran mi direktas al ĉiuj karaj gesamideanoj, kiuj faciligis kaj agrabligis mian paroladkaj stud-vojaĝon en Skotlando, Nederlando, Normandio, Belgujo kaj Luksemburgo.

Al Bulgarujo mi enŝipiĝos la 25 septembro en Antverpeno kaj post 29-tagnokta marveturado, haltante en multaj lokoj survoje, atingos kun Dia volo mian patrolandon fine de Oktobro n. j. Ĝis tiam mia adreso estas per Belga Esperanto-Instituto, Lange Leemstr. 127, Antverpeno Belgujo.

Ivan H. Krestanov.

Konstanta adreso: Str. 6. Septemvri no. 2, Sofia (Bulgar.).

## Niaj Mortinjoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*Sinjoro Frederiko Karinthy,* fama hungara verkisto poeto, estinta prezidanto de Hungarlanda Esperanto Societo, la 29-an de Aŭgusto. Lian nomon konas la esperantistaro el tradukoj: *Morgaŭ matene*, lia plej sukcesa teatraĵo, *Norda vento*, novelkolekto, kaj kelkaj noveloj aperintaj en gazetoj kaj en « Hungara Antologio ». Ofte parolis publike pri nia lingvo, verkis pri ĝi artikolojn, menciis ĝin en siaj humoraĵoj, kiuj ĝenerale estis ŝatataj pro respegulo de la profundaj homanimaj sentoj. Li gvidis dufoje publikajn diskutvesperojn pri Esperanto, kiuj partoprenis laŭ invito de HES aliaj konataj verkistoj. En 1932 dum Internacia PEN-Kongreso de Verkistoj li prezentis proponon por kunlabori kun la Esperanto-movado. En la lasta tempo li projektis novan Enciklopedion por difini la signifon de la vortoj. En artikolo pri Esperanto en Marto 1938 li deklaris, ke pro nuna ĥaoso en la opinio de diversaj popoloj, oni devas unue krei konvencion internacian pri la signifo de la vortoj, antaŭ ol oni kreas konvencion por enkonduki Esperanton. Li naskiĝis en 1888 en Budapest, studis matematikon, sed forlasis la universitaton por fariĝi populara verkisto. En sia verko ankaŭ en Esperanton tradukita « *Vojaĝo en Faremidon* » li daŭrigas la rakontojn de Swift, kondukante la faman vojaĝanton *Gulliver* al mirinda mekanika lando, kie oni parolas internacian muziklingvon. Nun li atingis alian mirindan landon, kie li trovos tion, kion li plej multe ŝatis dum sia tera vivo: interkompreniĝi kun homoj samideaj. Ĉe la enterigo la Esperantistaron reprezentis S-ro Paulo Tolnai kaj edzino. P. B.

*Sinjoro Léon Champy*, Inĝeniero, 7 Sept. 1938. 74 jaraĝa, Antverpeno, ano n-ro. 14515 (ĝis 1936) kaj patro de nia DM, F-ino A. Champy.

*Sinjoro Leono Ilašević*, malnova ano kaj fidela Delegito de UEA, 60 jara, en Riouperoux, Francujo, Isère. Rusa oficiro, li prezidis antaŭ la milito la Esp. societon en Kiev, kie okazis en 1912 la unua kongreso esp. en Ruslando. Distingiĝis dum la milito kaj estis nomita Brigada Generalo. Venis kun la restoj de la armeo Vrangel al Francujo.

## Libervola Civila Helpservo Internacia

*Devizo: Ne nur vortoj, sed agoj.*

Informa broŝuro 18 paĝa, ilustrita pri la celoj de tiu ĉi internacia agado karakterizata per la postulo

Fosilo anstataŭ pafilo.

Oni povas ricevi tiun ĉi legindan dokumenton sendante nur unu validan respondkuponon (stampitan) al Jules Gilliard, Delegito de UEA, 3, Place du Marché, Annemasse (Francujo, Haute-Savoie).

# Tra Islando

Fine mi ĉirkaŭiris ĝin. Per la ŝtata ŝipo « Esja ». Dum dekkvar tagoj. Po kelkhora halto en ĉiuj havenoj. Po unu semajno gaste en vilaĝo kaj en urbo, ekster la vojaĝo. Mi revenis per alia ŝipo. Kelkajn fojojn mi trapasis la nordan polusan cirklon. Poste, tra la lando per aŭtoj kaj ĉevaloj, ĉar ne ekzistas fervojoj. Mi vidis verdajn valojn, altajn montojn, belajn fjordojn, naĝantajn glaciojn kaj multon alian. Ĉiutage estis nova festo por mi.

Kara leganto, prenu la landkarton de Eŭropo kaj rigardu sur ĝin. Sed atentu, la okulo povas trompi vin multloke. Ekzemple Norvegujo. Ĝi estas tiel longa kiel Eŭropo estas larĝa. Se vi ne kredas, piku ĝian sudan randon sub Oslo kaj turnu la nordan randon ĉirkaŭ ĝi. Vi atingos ĝis Romo. Aŭ la distanco de Sofio al Parizo.

Tiel ankaŭ Islando. Ĝi ŝajnas malgranda insulo, simila al ŝafido aŭ anasido, kies kapeto rigardas supren al Grenlando. Tamen ĝia bordlinio estas multe pli longa ol tiu de Bulgarujo — tutajn 6000 (ses mil) kilometrojn ! Precipe pro ĝiaj multnombraj fjordoj. Post Norvegujo Islando estas la dua lando de la fjordoj en Eŭropo. Plej multe ĝiaj orientaj, nordaj kaj okcidentaj bordoj estas tranĉitaj.

La fjordoj estas grandaj, longaj golfoj, kaj ĉirkaŭ ili estas montoj, tiel altaj, ke oni neniam vidas, kie ili finiĝas, pro la nuboj super ili. Akvoj, rokoj, nuboj, ŝtonoj, multaj ŝtonoj, kaj la insulanoj ne scias kio estas arboj. La plej grandaj fjordoj estas Faxafjörd kaj Breidifjörd en okcidenta Islando. Kaj sennombraj estas la pli malgrandaj...

Kiel jam konate, la lando kuŝas ĉe la norda polusa cirklo, soleca, forĵetita, rande de la Glacia oceano. Ĝia surfaco estas granda kiel tiu de Bulgarujo, sed ĝi estas malforte loĝigata, kaj tio nur ĉe la bordoj, kaj la internaĵo estas senhoma, dezerta, forlasita.

De la 103.000 kvadrataj kilometroj, apenaŭ 23.000 hektaroj estas laborataj de 6.000 farmistoj kun 700.000 ŝafoj, 50.000 ĉevaloj, 30.000 brutoj, 3.000 kaproj kaj... 70 gazetoj kaj revuoj. La kelkaj urboj, kiujn posedas Islando (Reykjavik, Hafnarfjördur, Westmanaja, Isafjördur, Syglufjördur, Akureyri kaj Seydisfjördur) estas ĉiuj komercaj centroj. Ĉio cetera estas malgrandaj loĝlokoj aŭ farmoj kun 2-3 domoj kaj preĝejo. Kaj fiŝoj plej diversspecaj sekiĝas apud la bordoj.

Lafon erupciantaj vulkanoj, grandiozaj glaciejoj, ŝtonaj kaj sablaj dezertoj, bolantaj sulfuraj vaporoj, varmegaj gejzeroj, pentrindaj akvofaloj, malvarmaj riveroj, betulaj arbaretoj kaj vastaj kampoj regas super la fundamenta kontrasto de la pejzaĝo. En tiu pejzaĝo vivas loĝantaro, kies nombro apenaŭ superas tiun de mezeŭropa urbo: 118.000. Homoj harditaj de supermezuraj luktoj. Kaj en konstanta forta batalado kontraŭ la sovaĝa naturo kaj kontraŭ la fiŝoriĉa oceano.

Kiel antaŭ la stacidomoj de Finnlando estas amasoj da blankaj senŝelitaj arboj, tiel ankaŭ en la havenoj de Islando estas amasoj da fiŝo, fiŝo kaj fiŝo. Kaj tiuj homoj vivas el ĝi kaj sin tenas je antikva, miljara kampara kulturo kaj tamen ili utiligas la plej modernajn teknikajn akirajojn. Pri la beleco de tiu mirinda lando, pri la vivmaniero, pri la moroj kaj kutimoj de ĝiaj loĝantoj, kiom ajn multe oni diru, ĝi ĉiam estos malmulte. Ĉar oni devas persone vidi, por senti, por travivi ĝin.

Sed plej okulfrapas la tiea legemo. En Islando oni kvazaŭ naskiĝas kun libro en la mano, kiel en la norvega Bergen kun pluvombrelo kaj en Kopenhago kun biciklo. Ĉiuj islandanoj havas hejman bibliotekon kaj tie nur la idiotoj ne scias legi. Unu el la klarigoj de tiu laŭdinda fenomeno eble estas la fakto, ke tie estas ok-monata nigra vintro kaj kvar-monata blanka somero.

Kaj tiu stranga lando apartenas tamen al la granda Eŭropa kultura kontinento. Meritas estontece tien fari siajn edziĝ-vojaĝojn, anstataŭ en Italujon aŭ Svisujon. Ĉu al la am-paroj malsupre ne estas tro varme, precipe en la someraj 36-40°, kiam en tiu sama tempo supre estas nur 0 -6° C. !

Oni ne timu, en Islando tute ne ekzistas blankaj ursoj, sed estas nur blankaj, arĝentaj noktoj. La homo, kiu dônis al Islando ĝian nomon certe estis pesimisto, kaj tiu al Grenlando — optimisto. Interŝanĝu ilin kaj vi havos la imagon pri tiu mirinde bela lando !

Ivan H. Krestanov.

## Ĝenerala Korespondado

kun samideanoj en Litovio, Germanlando, Latvio, Finnlando, Ĉeĥoslovakio kaj Rumanio estas dezirata de A. Kuliĉenko, Str. Sovetskaja 3, ĉambro 16, Saratov, USSR.

## Eldonisto sercata

Por Liberaj ekleziaj predikoj en Esperanto. Interesiĝantoj sin turnu al pastro H. Kolbeins, Staô i Sûgandafirôi, Islando.

## Poŝtmark-interŝanĝo

Kun gesamideanoj tutlandaj povas doni novajn kaj malnovajn poŝtmarkojn de ĉiuj balkanaj landoj, speciale Jugoslavio. Interŝanĝus kataloge kaj kvanto por kvanto.

Artur David, Sarajevo IV/Bosnio/, Zemaljska banka Jugoslavio.

## Regno de pensoj

Spirita, senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas hablevа de: Esperanto, Internat. ul. 42, Mukaĉevo. Ĉ. R. R.

## El Bulgara Lando

De kelka tempo estas rimarkebla granda pliviglîĝo de la Esperanto-movado en Bulgarujo. La nombro de la kursoj, malfermitaj en la daŭro de la lasta sezono estas trioble pli granda ol la koncerna nombro por la antaŭa jaro. Kreskis ankaŭ la nombro de la Esperanto-societoj. Estas disvenditaj amasoj da lernolibroj. Ankaŭ la nombro de la abonantoj de la asocia organo — Bulgara Esperantisto — duobliĝis.

Al la 25-a jubilea nacia esperanto-kongreso aliĝis pli ol 450 personoj. Kaj granda entuziasmo regis inter tiu ĉi amaso. La nova Centra Komitato de la Bulgara Esperantista Asocio konsistas el la jenaj membroj: prezidanto: *Atanas D. Atanasov (Ada)*, vicprezidanto — *Petro Jordanov*, sekretario — *Emil Stratev*, kasisto — *Belĉo Oktomvrijski*, konsilanto — *Stefan Ganĉev* kaj *Stefan Jonĉev*, redakcia komitato — *A. D. Atanasov, P. Jordanov, A. Grigorov.*

**Fondinto: H. Hodler, † 1920**
**Redakcio: Genève.**
**Red.: Povizora Komitato de U E A**
Presis: Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato: 15/30 Septembro 1938.